# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 91**

Bulteno de KAEM

Aprilo 2016

---

## Ni kune sukcesigu la 8an Azian Kongreson

Temo: "Esperanto por azia kunlaboro en la reta epoko"
Dato: inter la 3-a kaj la 6-a de novembro en 2016
Urbo: la urbo Quanzhou en la provinco Fujian, 中国福建泉州
Kongresejo: HUAQIAO-Hotelo
(Quanzhou Overseas Chinese Hotel,泉州华侨大厦)
1# Baiyuanlu, Lichengqu, Quanzhou urbo, Fujian-provinco, Ĉinio, CN 362000 http://www.overseaschinesehotel.com




La 8-a Azia Kongreso de Esperanto okazos en la urbo Quanzhou de Fujian-provinco, inter la 3a–6a de novembro 2016, kune kun la 5a ILEI-Seminario en Orienta Azio (la 5a ISOA).

Kvar-taga Esperanto-festeno kun riĉa programo kaj multaj ekskursoj en Quanzhou-urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo, kiu dum tiu sezono havas perfekte agrablan veteron.

## Laŭtaga programo

**Ĵaŭde, la 3-an de novembro**

08:30 – 20:00 Akceptado en Huaqiao-Hotelo (Kongresejo)
14:00 – 17:00 Prelegoj (prelegantoj estas ankoraŭ nedeciditaj)
E-kurso por komencantoj, ILEI-kunsido,
KAEM-kunveno (I)
19:00 – 21:00 Interkona Vespero

**Vendrede, la 4-an de novembro**

10:00 – 11:30 Inaŭguro
14:00 – 17:00 Kunsido pri E-movado en Azio
(delegitoj de Japanio, Koreio, Vjetnamio, Mongolio,
Israelo, Nepalo ktp)
14:00 – 17:00 Eduka programo – la 5-a ILEI-Seminario
en Orienta Azio
14:00 – 14:30 Ĉefa prelego
14:30 – 14:50 Prelego 1
14:50 – 15:10 Prelego 2
15:10 – 15:30 Prelego 3
15:40 – 16:20 Raportoj pri E-instruado kaj lernado en Azio
16:20 – 17:00 Diskutado
19:00 – 21:00 Nacia Vespero

**Sabate, la 5-an de novembro**

09:00 – 12:00 Prelegoj (interesaj temoj, ankoraŭ nedeciditaj)
KAEM-kunveno (II)
09:00 – 11:30 Eduka programo
09:00 – 09:30 Demonstra kurso 1
09:30 – 10:00 Demonstra kurso 2
10:00 – 10:30 Demonstra kurso 3 (aŭ prelegoj)
10:40 – 11:30 Diskutado pri Eduka movado en Azio,
kunlaborado interazie

14:00 – 17:00 Promenado en Quanzhou
19:00 – 21:00 Internacia Vespero

**Dimanĉe, la 6-an de novembro**
09:00 – 11:30 Vizito al la Quanzhou-muzeo
14:30 – 15:30 Fermo

**Lunde, la 7-an de novembro**
Postkongresa ekskurso




## Aliĝo

1. Aliĝ-kotizo (Kongresa kotizo): 40 eŭroj (provizore); baldaŭ decidota post konsidero pri bugheto kaj pri rabato por B-landoj
2. Loĝ-kotizo: 100 eŭroj por unu persono
(25 eŭroj/nokto/lito*4 noktoj)
3. Provozora ret-adreso: azia-kongreso-8a@freeml.com

**Rimarkoj**

La prezo (loĝ-kotizo) estas por unu persono en eŭroj (1 eŭro= 7.50 RMB); la kotizo indikita inkluzivas 4 tranoktojn kaj matenmaĝojn

# Sukcese okazis la 20a AMO-Seminario de UEA kaj la 2a Speciala Ekskurso, 2016 en Nepalo




De la 26a de februaro ĝis la 8a de marto 2016 okazis en Nepalo la 2a Speciala Ekskurso. La programo komenciĝis la 26an de februaro kun la akceptado de gastoj. Nepala Esperanto-Asocio formale bonvenigis gastojn vespere la 27an de februaro. Kadre de ĉi tiu ekskurso okazis ankaŭ la AMO-seminario de UEA, en kiu partoprenis pli ol 35 esperantistoj kaj el ili plejparte gejunuloj. La seminarion gvidis veteranaj esperantistoj s-roj Hori Jasuo, Stefan MacGill, Bharat Ghimire kaj Trezoro. La temo de la seminario estis "Kultura klerigado". La seminario estis sukcesa kaj, mi esperas, ke ĝi helpos maturigi nin (nepalajn esperantistojn). Ĉar la celo de la seminario estis maturigi, kapabligi kaj aktivigi esperantistojn. Partoprenantoj povis ĝui bonkvalitajn prelegojn fare de la gvidantoj dum 3 tagoj en diversaj sesioj. Se vi volas scii pli detale pri la 20a AMO-seminario, bonvole korespondu kun la ĉefgvidanto de la seminario s-ro Stefan MacGill Stefan.macgill@gmail.com.

Ni ne povis akiri multajn partoprenantojn en tiu ĉi ekskurso, eble pro la timo de la tertremo. Ĉiuj scias, ke en aprilo 2015 okazis en Nepalo grandega tertremo. Ĝuste pro tio multaj homoj ne volis aŭ hezitis viziti Nepalon post la tertremo. Sed ni estas feliĉaj, ke gravaj personoj de Esperantujo s-roj Stefan MacGill (vicprezidanto de UEA) kaj Hori Jasuo (fama verkisto) partoprenis ĝin. La tutan ekskurson partoprenis 8 eksterlandaj samideanoj (4 japanoj, 2 poloj, 1 germano kaj 1 hungaro) kaj 5 enlandaj. Parte partoprenis ĉirkaŭ pli ol 20 samideanoj.

Ĉiuj scias, ke Nepala Esperanto-Asocio okazigas la Himalaja Renkontiĝon (HR). Dum ĝi partoprenantoj plejparte piedvagadas en la montaro. Tio ne taŭgas al ĉiuj aĝgrupoj. Multaj samideanoj volas viziti Nepalon, sed timas marŝadon. Pro tio Nepala Esperanto-Asocio okazigas specialan ekskurson al famaj turismaj lokoj, atingeblaj per buso. La celo de la ekskurso estis konigi Nepalon kaj nepalajn esperantistojn al la mondo. Ĉi-foje partoprenantoj vizitis jenajn lokojn: Baudhanath, Pasupatinath, Showyambhu, Bhaktapur, Nagerkot, Dhulikhel, Chitawan Nacia Parko, Pokhara kaj Bandipur. Ĉiuj lokoj estas famaj kaj ŝatataj de turistoj.




La 8an de marto okazis solena ferma ceremonio de la 2a Speciala Ekskurso. Nepala Esperanto-Asocio disdonis atestilojn al la partoprenantoj de la 20a AMO-seminario kaj honorigis kelkajn gravajn gastojn. Ĉi-jara ekskurso estis sukcesa kaj fruktoplena, kvankam la nombro de la partoprenantoj ne estis granda. Fine ni dankas al ĉiuj helpantoj kaj partoprenantoj de la seminario kaj la ekskurso. Aparte dankon al Nepala Esperanto-Junulara Organizo, sen kiu ni ne povus sukcesigi niajn aranĝojn. La 12a Himalaja Renkontiĝo okazos en februaro-marto 2017.

Verkis : Pradip Ghimire esploristo@hotmail.com

# La 9-a Mezorienta Kunveno en Turkujo



Inter la 1-a kaj 4-a de aprilo okazis la 9-a Mezorienta Kunveno en urbeto Ürgüp (Urgupo) de Kapadokio. En la kunveno partoprenis 24 homoj, kiuj venis el 13 landoj kaj 3 kontinentoj. Bedaŭrinde pro la lasta politika situacio en Turkujo tiu nombro restis ĉe 24.

La temo de la kunveno estis la fama poeto Nazim Hikmet Ran, do, oni disdonis libreton pri la vivpriskribo de Nazım Hikmet kaj liaj 10 poemoj tradukitaj Esperanten. Prelego pri la vivpriskribo de Nazim Hikmet okazis dum la kunveno kaj spektado de du filmoj kun esperantaj subtekstoj okazis dum du vesperoj.

1) La unua filmo, "Du Junuloj de la Sama Kvartalo", estis nigra-blanka rusa filmo de la jaro 1957, kies scenarion verkis Nazim Hikmet dum lia forfuĝo en Rusio. La filmo prezentis al ni du junulojn kun samaj idealoj, kiuj poste sekvis malsamajn vojon. Kvazaŭ unu el ili estas Nazim Hikmet kaj la alia Va-La Nureddin, la amiko de Nazim en sia juneco.

2) La dua filmo, "La Bluokula Giganto", estis kolora filmo kaj turka-greka komuna produktaĵo, en kiu ni trarigardis la 9 jarojn de Nazim Hikmet en Bursa malliberejo.

La filmojn oni povas spekti en la interreto kun esperantaj subtekstoj ĉe la retpaĝo STUDIO-RADIO TELEVIDO. Jen la ligilo:
http://novajhoj.weebly.com/du-filmoj-el-turkio.html

En la komenco de la kunveno estis prelego pri Kapadokio, kiu celis enkonduki la partoprenantojn al la postkunvenaj ekskursoj. Du pluajn prelegojn faris du lernantoj. La unua estis pri la "Bibliotekisto kun Azeno", kiu vivis en ĉi tiu parto de Turkujo, kaj la dua estis pri tio, kiel la preleganto lernis Esperanton, kiel rilatas Esperanto al la turka lingvo, kaj kiel la preleganto dank' al Esperanto partoprenis kiel prizorganto en la IJK, kiu okazis samtempe kun la 100-a UK en Lillo.

En nia kunveno ankaŭ estis aldonita la 23-a AMO-seminario. AMO signifas "A-ktivulo M-aturiĝ-O". Por tiu celo estis prelegoj pri la historio de la turka Esperanto-movado, kaj ankaŭ prelego pri tio, kion ni nuntempe faras por disvastigi Esperanton en Turkujo. Kiel ni provizas la novulojn kun informoj pri Esperanto kaj Esperantujo. Kiel ni provas disvastigi Esperanton. Kiel ni page reklamas en facebook-o pri Esperanto ktp. Ni ankaŭ diskutis la temon krei Turkan Esperanto-Asocion.

En la kunveno oni diskutis pri la stato kaj disvastigo de Esperanto en la arabaj landoj. Estis multaj aliaj diskutoj pri la aktuala problemo de la rifuĝintoj. Kaj post tiuj diskutoj oni verkis la rezolucion de la Kunveno.

La rezolucio estis duparta:
1) La unua sugesto estis al UEA por komenci klopodojn eklernigi Esperanton al la rifuĝintoj en Turkujo kaj Grekujo, do, poste, kiam ili decidos pri la lando, kiun ili enmigros, ili pli facile lernos la lingvon de tiu lando. Oni ankaŭ rakontis pri tio, kion oni faris en Norvegujo por rifuĝintoj.

2) La dua sugesto estis al la Komitato de UEA por trovi kaj provi alian kanalon por propagandi kaj disvastigi Esperanton en la arabaj landoj, ĉar araboj jam havas misfidon al ĉio, kio venas el okcidentaj landoj en Eŭropo. Aliaj kanaloj povus esti Ĉinujo, Hindujo, kaj eble Irano.

Post la kunveno estis du-tagaj ekskursoj.
1) En la unua tago ni ekskursis al la vidindaĵoj en la centro de Kapadokio. En la "Valo de imagoj" ni vidis la strangajn surterajn formaĵojn, en "Paşabağı" ni vizitis la grandajn "feinajn kamentubojn", en "Avanos"-urbeto ni vizitis potfarejon kaj la subteran muzeon pri potfarejo, en "Göreme"-urbeto ni vizitis famajn monaĥejon kaj preĝejojn enfositajn en la rokoj kaj en la "feinaj kamentuboj", en "Uçhisar"-urbeto ni surgrimpis la plej altan kastelon enfositan kaj skulptitan en tre granda roko, kaj poste en "Kızılçukur", kie la surteraj formaĵoj estas ruĝaj, ni trinkis kafon kaj vinon en kafejo, rigardante la sunsubiron.
2) En la dua tago ni vizitis la subteran urbeton de "Kaymaklı", kaj poste ni vizitis la kanjonon nomitan "Valo de Ihlara", kie iam loĝis 80,000 homoj en fositaj domoj en ambaŭ muroj de la kanjono. Ni ankaŭ promenis 4 kilometrojn en la kanjono laŭ la rivereto tie.



Vespere en nia revenvojo ni vizitis "Ağzıkarahan" karavansarajo aŭ hotelo por karavananoj.

Dum la kunveno, en multaj vesperoj ni kunmanĝis kaj diskutis diversajn aferojn. Paralele de la kunveno okazis Esperanto-kurso por tiuj, kiuj bezonis ĝin.

Vasil Kadifeli<vasilkadifeli@gmail.com>;

# 163 mesaĝoj el 52 landoj por la Virina Tago

Ekde la 22-a de februaro ĝis la 13a de marto, ni ekspoziciis 163 mesaĝojn el 52 landoj kaj teritorio por la Internacia Virina Tago 2016 en Hiroŝimo ĉe la Virina Centro de Hirosima.

En la kunveno la 6-an de marto kun 180 aktivaj virinoj el la 22 organizoj, s-ino OSIOKA Taeko laŭte voĉlegis du el la mesaĝoj, Kaj aliajn mesaĝojn la partoprenantoj havis kiel la dokumentaĵojn de la evento. Vi vidas sube la liston de la mesaĝoj, kiujn oni vidis en Esperanto kaj en la japana. Raportas mi kun dankoj al vi karaj.

**Ricevitaj Mesaĝoj**

**Azio:**

Ĉinio 4/ Hinda Unio 1/ Indonezio 1/ Irano 1/ Israelo 1/ Koreio 3/ Nepalo 2/ Tajvano 2/ Turkio 1.

**Afriko:**

Burundo 1/ Kameruno 1/ Kongo (Dem.Resp.) 1/ Togolando 1.

**Oceanio:**

Aŭstralio 5.

**Nordameriko:**

Kanado 3/ Usono 1.

**Latinameriko:**

Argentino 2/ Brazilo 6/ Kolombio 1/ Kostariko 1/ Kubo 1/ Mekisikio 1/ Peruo 1.

**Eŭropo:**

Albanio 3/ Armenio 1/ Aŭstrio 1/ Belgio 12/ Britio 1/ Bulgario 2/ Ĉeĥio 6/ Danio 2/ Estonio 1/ Finnlando 1/ Francio 38/ Germanio 10/ Grekio 1/ Hispanio 4/ Hungario 4/ Irlando 2/ Islando 1/ Italio 6/ Litovio 1/ Luksemburgio 2/ Nederlando 5/ Pollando 2/ Portugalio 1/ Rumanio 1/ Serbio 2/ Slovenio 5/ Svedio 23/ Svislando 2/ Ukrainio 1.

OSIOKA Taeko <taeko@gold.megaegg.ne.jp>;
Hirosima Esperanto-Centro, Japanio

# Sukcesa Trilanda Kongreso en Indonezio




***Selamat datang di kongres Esperanto Tiga Negara pertama!***
**(Bonvenon al la trilanda kongreso de Esperanto!)**

Kun tiuj vortoj la tri Esperanto-Asocioj bonvenigis 101 partoprenantojn, inter ili 40 eksterlandanoj. Kiam ni (aŭstralianoj, indonezianoj kaj novzelandanoj) decidis starigi trilandan kongreson post 14 monatoj, ni hezitis kaj - kompreneble - hezitis kaj timis malsukceson. Sed finfine ni povis rikolti kaj ĝui la fruktojn de niaj penoj.

AEA kaj NZEA subtenis la kongreson finance kaj praktike. Inverse IEA helpis nin allogi kelkajn esperantistojn de Aŭstralio, kiuj ĝis nun ne partoprenas naciajn aranĝojn.

Venante el lando, kie la plejparto de esperantistoj estas maljunaj, la granda nombro de junaj, viglaj studentoj donis al ni pli da espero. Havi tri landojn kaj multe da eksterlandanoj kreis multe pli internacian etoson ol nur nacia kongreso.



La programo estis enhavoriĉa. Okazis kursoj por komencantoj kaj progresintoj, prezentadoj pri vulkanoj en Aŭklando, la pejzaĝoj, flaŭro kaj faŭno en Aŭstralio, variajn interesajn prelegojn de la junaj indoneziaj, ekzemple pri orangutanoj, kafo de Javapreanger, la historio de *gamelan* kaj la eldono de libroj en Indonezio.

Juna, energiplena repkantisto Jonny M fariĝis tre populara inter la junaj kaj eksterlandaj junuloj. Li koncertis 2-foje ĉe la kongresejo kaj antaŭ la ne-esperantista publiko.

Granda avantaĝo estis, ke la loka Esperanto-grupo de Bandung havas fortajn ligojn kun la loka Azio-Afrika Konferenca Muzeo en la urbo. La malferma ceremonio okazis tie kaj ni ankaŭ ĝuis la "Nokton en la Muzeo", diskonigante flugfoliojn de Esperanto en Indonezio al la vizitantoj de muzeo tiam.

En sudorienta Azio ne abundas esperantistoj kaj tiu trilanda kongreso povas servi kiel modelo por venontaj eventoj en la regionoj.

Ni ankaŭ estis tre bonŝancaj havi du UEA-estraranojn inter ni. Stefan MacGill gvidis la 21-an AMO-Seminarion kaj Ŝlosilo (Lee Jungkee) konstante memorigis nin pri la situacio en Azio kaj speciale en Sudorienta Azio kaj la graveco de ĉi-tiu kongreso. Kune kun Ŝlosilo, la tri landaj asocioj taksis la kongreson sukcesa. Ni decidis starigi la duan trilandan kongreson en 2018 inter la 28-a de marto kaj 2-a de aprilo 2018 en Bandung en Indonezio. Ilia: ilia.dewi@gmail.com

# Nepalo

## Rakonto verkita de s-ro Mukunda estas adoptita de la ministerio

Nepala ministerio de edukado, decidis, ke rakonto verkita de mi aperigu en la lernolibro por gelernantoj en la 9a lernojaro. Ekde tiu ĉi monato, 1,5 milionoj da gelernantoj en ĉiuj lernejoj en Nepalo eklegis mian verkon.

Ĉu vi povas imagi, kiom multe da telefonvokoj mi ricevas de diversaj partoj de Nepalo? Ne nur instruistoj, sed ankaŭ gelernantoj komencis voki min. Kompreneble, tiam mi menciis Esperanton, pro kio Esperanto famiĝos en Nepalo. Mia rakonto temas pri frukto-arbo.

Mukunda Pathik mpathik@gmail.com

## Ekspozicio en universitato, junulara Movado

La 4-an kaj 5-an de februaro, Sudokcidenta Ŝtata Kolegio organizis la 6an sciencan ekspozicion. Profitante tiun okazon, studentoj volis elmontri nian lingvon "Esperanto". Sandeep Lamichhane respondecis pri ĝi kaj komencis labori, helpate de Nepala Esperanto-Asocio. La grupo konsistis el kvin studentoj, nome, Sandeep Lamichhane, Sudhir Phuyal, Sunil Phuyal, Bijay Regmi kaj Sumit Dhakal.

En la ekspozicio junaj esperantistoj prelegis pri tio, “Kio estas Esperanto?” kaj klarigis Esperanton, do aŭskultantoj povas bone kompreni pri la lingvo. La ekspozicio daŭris du tagojn.




Laste ni dankas al ĉiuj membroj de NEspA, kiuj vizitis nin kaj kuraĝigis nin por fari la programon historia en la Junulara Esperanto-movado en Nepalo.

Sandip Lamichhane sandeeplamichhane056@gmail.com

## Koreio

### Printempa Kurso de Namkang-Esperanto-Lernejo
**- de la 16a ĝis la 17a de aprilo, 2016 -**

Dudek ses geamikoj kunvenis en la Printempa Kurso de Namkang-Lernejo. Preparitaj estis tri kursoj por baza, postbaza kaj gvidantara, kio unuavide ŝajnus simpla kaj klasika formo, sed por ni antaŭen irantaj al la Seula UK, ĉiu kurso koloris sin per paroligado. Esperantujo donas al ni ŝancon lerni modele parolatan lingvon. Tio estis emfazita jam de la gvidanto de la baza kurso, jam ne parolante, ke la postbaza kurso (de s-ro LEE Jungkee) havas sur si la titolon 'Esperanto, tiel parolata'. Firme stampis tian por niaj sekvantaj paŝoj tre gravan atmosferon la Zamenhofa parolado, kiu estis speciale enmetita en la lernejan libron.




Grandan freŝiĝon donas al ni novaj amikoj, kiujn ni povas nomi du-tagaj komencantoj. Gvidanto de la baza kurso (s-ro KIM Youngung), kiel panjo al unuataga bebo dediĉis sian tutan forton por gvidi ilin ne nur pri lingvaĵo, sed ankaŭ pri Esperantujo, en kiun ili nun enpaŝas. Akademiano s-ro MA Youngtae ofertis du tutajn tagojn por meznivelaj amikoj, kiuj soifas je bonstila Esperanto.

Akompanis al nia marŝado ankaŭ du malnovaj samideanoj, kiuj iom da tempo devus sin teni neproksimaj, tamen nun revenas por doni siajn manojn por nia regimento al la UK.

Du tagojn speciale markis niaj veteranaj antaŭuloj, s-roj KIM Sihon kaj JEON Gyeongdeok. La unuatagon s-ro KIM kaj la duan s-ro JEON

alparolis al ni historion de Korea Esperanto-movado, en kiu oni povis facile vidi grandan entuziasmon de niaj pioniroj, kaj tio stimulis al ni, ŝipanoj de la ŝipo 'Seula UK', gravecon de nia unuiĝinta animo.

Krom tri laŭnivelaj kursoj, okazis unu faka kunsido, kiun konsistigas nun ok membroj, kiuj prenas sur sin laborojn por diversaj kakaotokaj kursoj. Per la blazono de TEKO (Tutlanda Eduka Komitato), ordigante la ĝisnunajn kaj skemante la necesajn postpaŝojn, la membroj diskutis kaj preparis sistemon de kunlaboro por nun pli ardiĝantaj lernantoj.

Metante sur sian ŝultron la respondecon de nia renkontiĝo, ĉiu priservis ĉiajn aferojn. Per tia unueco ni pli fervore marŝos al 2017 Seula UK, mi kredas. ♧




## Al la 101a UK per fera silkvojo tra Azi-Eŭropo

- En la 7a de majo, korea karavano deziranta unuiĝon de Suda kaj Norda Koreioj, kiu celas partopreni la 101an UK-n en Nitra tra Pyeongyang (ĉefurbo de norda Koreio) kaj Azi-Eŭropo per la fera silkvojo, komencis la unuan paŝon vizitante la monteton Dorasan (plej proksima loko al norda Koreio) anstataŭ Pyeongyang pro neebleco. Kaj la 1-an de julio 11 karavananoj inkluzive 1 ĉinon iros al la urbo Dandung en Ĉinio (apud landlimo inter Ĉinio kaj Norda Koreio), kaj poste daŭrigos la sekvantajn paŝojn al Nitra.

La projekton planis d-ro SO Gilsu, gvid-komitatano de Korea Esperanto-Asocio. Li prezentos la vojaĝon en Nitra UK kaj proponos, ke en la venonta jaro 2017 eŭropanoj partoprenu la Seulan UK-n ankaŭ per la fervojo el Eŭropo, provante trapasi Pyeongyang-n. ♧

<CHO Myung-ja / redaktoro de KEA>

# Japanio

## Japana Esperanto-Instituto (JEI) lastatempa

JEI funkcias laŭ Financa Jaro (FJ), nome de aprilo ĝis marto. Jen ĉefaj aferoj faritaj en FJ-2015 kaj farotaj en FJ-2016, laŭ divido de 8 fakoj, administrataj de estraranoj de JEI.

1. Informa kaj Movada Fako

En oktobro 2015, JEI per Premio Ossaka honoris s-ron Egawa Harukuni, ke li aktivis en Gubernio Wakayama, i.a. ligante Esperanton kun la celaro de UNESKO.

2. Internacia Fako

Cele al la 100-a Universala Kongreso (UK) en Francio en 2015, JEI organizis karavanon kun 38 personoj. En la UK, JEI partoprenis en Movada Foiro. La samo okazos cele al la 101-a UK en Slovakio.

3. Studa kaj Eduka Fako

1) En majo 2015, JEI organizis Esperantan Seminarion en Tendoo (Gubernio Jamagata), kaj en maj. 2016, ĝi okazis en Tokio.

2) En februaro 2016, JEI organizis Seminarion por kursgvidantoj en E-domo en Tokio.

3) JEI plurfoje okazigis kvalifikajn ekzamenojn pri Esperanto en 4 gradoj, kaj ankaŭ partoprenis en KER-ekzameno en Tokio en FJ-2015. Same estos en FJ-2016.

4) “Esperanto per ekzercaro por japanlingvaj komencantoj” estis publikigita papere kaj pdf-e, kaj ankaŭ materialo taŭga por lertafonoj (kiel i-fonoj) aperis.

5) Esperanto-Domo de Jacugatake (EDJ), staĝejo de JEI estis malfermita de printempo ĝis aŭtuno en 2015, kaj same por 2016.

4. Redakta Fako

La organo “La Revuo Orienta” aperis/os ĉiumonate (krom septembro).

5. Eldona Fako

En FJ-2015 kaj en FJ-2016, JEI eldonis jenajn librojn:

en la japana lingvo Reviziita “Elementa Lernolibro de Esperanto” kun KD, “Esperantistaj voĉoj el la katastrofo 2011”, “Kultura historio

de Esperanto kun personoj”, “Demandaro de la Ekzameno de JEI” kaj ”De vortoprovizo al integrigita lingvokapablo”.

En FJ-2016, JEI eldonos tradukite la libron “De dinamika Lago Biŭa al la mondo” en Esperanto.

5. Kongresa Fako

En oktobro 2015 okazis la 102-a Japana Esperanto-Kongreso en Sendai, kun 407 aliĝintoj, el kiuj 258 reale ĉeestis. La kongresa temo estis “Espero trans la katastrofo”.

En oktobro 2016 okazos la 103a Japana Kongreso en Oumihaĉiman (Gubernio Ŝiga).

6. Ĝenerala fako

En junino 2015 okazis publika prelegkunveno por la Esperanto-tago en Japanio. Ĝi ne okazos en 2016.

7. Financa fako Ĝi gardis/as la financan flankon de JEI.

8. Interreta fako Ĝi gardi/as la retpaĝojn de JEI. La japanlingva parto estis renovigita en FJ-2015.

## “Paŝo” n-ro 14, studenta gazeto, eldoniĝis

Ni sciigas vin pri la nova eldono de la studenta gazeto “Paŝo”.
La enhvao estas:

1. La 34-a Komuna Seminario（f-ino Jaotome Maju）
2. Esperanto-kunloĝado de septembro (f-ino Nakacu Haruna)
3. Bonega Renkontiĝo kun membroj de la Esperanto-Societo de Universitato Kioto (s-ro Hino Joohei), ktp.

https://drive.google.com/file/d/0B9UKBw1JrNO0U2JHMmNTZGtiNVk/view?usp=sharing

Ankaŭ legebla sur nia blogo: http://pasxo.blogspot.jp/
Redakcio de Paŝo: pasxo.esperanto@gmail.com,
http://pasxo.blogspot.jp/

# Helpu nin je “Nia Unua Lernolibro de la lingvo!”

**– Alvoko al niaj eksterlandaj geamikoj –**

NPO Esperanto Jokohama, Japanio

En la venonta aŭgusto, nia grupo “NPO Esperanto Jokohama” havos ekspozicion pri Esperanto al la urbanoj, kaj tiam, krom la kutimaj materialoj, ni intencas havi specialan ekspozicion. Pri tio ni petas kunlaboron de vi esperantistoj ekster Japanio!

Temas pri montrado de la unua lernolibro de la lingvo (nacia aŭ gepatra), kiun vialandaj unuagradaj lernantoj uzas, kun traduko de kelkaj frazoj en tiu libro. Ni scias, ke estas diversaj lingvoj en la mondo, sed kion kaj per kio fakte lernas lernantoj, kiuj unuafoje en la vivo vizitas lernejon. Rekompence, ni sendos al vi tiun materialon – la unua lernolibro de la japana lingvo, kun traduko de kelkaj frazoj en Esperanton.

Jen konkreta peto:

(1) Sendu al ni lernolibron de la gepatra lingvo, kiun viaj/vialandaj unuagradaj lernantoj de elementa/baza lernejo uzas.

(2) Kun ĝi aldonu esperantigitan tradukon de kelkaj frazoj el la unuaj paĝoj, kaj ties prononcmaniero (laŭeble en Esperantaj literoj).

(3) Aldonu jenan informon pri la libro: nomo de la lando, lingvo, en kiu jaraĝo oni lernas per ĝi; ĉu la lernolibro estas donacita/ pruntita al la lernanto, aŭ lernanto devas aĉeti ĝin?

(4) Kaj pri vi: nomo, adresoj poŝta kaj reta, kaj espereble via foto!

Antaŭdankon.

Sibayama Zyun’iti, la prezidanto de NPO Esperanto Jokohama

Bonvolu sendi la materialojn al:

NPO Esperanto Jokohama,

ĉe Doi, Nisisiba 4-17-9, Kanazawa-ku, Yokohama-si, Kanagawa-ken 236-0017 Japanio

Informon sendu al <info@esperanto.yokohama>

## Esperanto-Domo de Jacugatake malfermiĝis



Ĉe la piedo de la monto Jacugatake, 150 kilometrojn for de Tokio, troviĝas Esperanto-Domo de Jacugatake, kursejo kaj biblioteko de Japana Esperanto-Instituto. Dum vintro ĝi estas ferma, ĉar tie estas malvarme. La 8an kaj la 9an de aprilo okazis komitatkunsido de la Domo kaj malfermis la Domon. Inter la 22an kaj la 24a de aprilo okazis "Printempaj tagoj de la Domo", kaj pli ol dek homoj venis. Iuj biciklis en la ĉirkaŭaĵoj, ĝuante belajn sakuro-florojn, iuj ludis briĝon, iuj lernis Esperanton kaj la aliaj ĝuis maĝangon.

Tiu Domo havas 22-jaran historian, sed ĝi neniam malbeliĝis, nek malnoviĝis, ĉar la komitatanoj prizorgas ĝin kiel trezoron de japana Esperanto-movado. En ĝi estas montritaj diversaj artaĵoj donacitaj de esperantisatoj. Ĝi estas malferma por ĉiuj esperantistoj, do se vi venos al Japanio, nepre vizitu ĝin.

HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# Irano

## Mia renkonto kun Iranaj Esperantistoj

Post 5-jara foresto mi vizitis Iranon (mian patrujon) por ĉirkaŭ unu monato. Dum tiu vizito en januaro kaj februaro 2016 mi dufoje vizitis IREA-n (Irana Esperanto-Asocio) en Tehrano. En ambaŭ fojoj partoprenis ĉirkaŭ 10 esperantistoj. Unuafoje mi prelegis pri Tajvano kun multaj fotoj rilate al la movado, kulturo, turismo ktp.

En la dua fojo mi portis multajn Esperantajn gazetojn kaj aliajn Esperantaĵojn, kiujn mi kolektis dum jardekoj, kaj disdonis ilin inter la partoprenantoj kaj ankaŭ grandan parton donacis al s-ro Ali Kousarii,

kiu zorgas arkivigi Iranajn Esperantajn dokumentojn kaj al s-ro Mogadasi, kiu posedas Esperanto-Domon ĉe sia hejmo kaj havas amason da Esperantaĵoj.

Jen la paĝo de s-ro Kousarii, kie estas amaso da Esperantaj dokumentoj. Ĝi estas la plej valora kaj grava arkivo de Irana Esperanto-Movado: http://bibliografio.parsiblog.com/

Reza KHEIRKHAH <rezamenhof@yahoo.com>

# Pakistano




## Raporto de la 38-a Jara Kongreso de PakEsA

La 38-a Jara Kongreso de Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA) okazis la 25-an kaj 26-an de decembro 2015 en la urbo Lahor.

**Estrara Kunsido**

Komence, s-ro Muhammad Abid prelegis versojn el la Nobla Kuraano. Ĝeneralan kunsidon prezidis prezidanto de PakEsA, s-ro Shabbir Ahmad Sial. Ĉiuj prezentis sin kun nomo kaj urbo. Poste okazis lokaj raportoj pri Lahore, Multan, Kasur, Murree, Okara, Gujranwala, Sialkot, Fort Abbas kaj Bahawalpur.

**Informa Seminario**

Post la kunsido, oni aranĝis informan seminarion pri Esperanto, en kiu oni prelegis pri Esperanto-movado en Pakistano.

**Esperanta Klaso**

Oni aranĝis Esperantan klason en Esperanto-Internacia Akademio (EIA), en kiu 20 gestudentoj komencis lerni bazan kurson de Esperanto.

**Plano por la jaro 2016:**

la 21-an de februaro 2016 en Multan oni okazigos “Gepatran lingvan tagon” kaj la unuan kunsidon de la estraro de PakEsA.

la 26-an de februaro 2016 okazos seminario memore al la pasinta Allama Muztar Abbasi en Multan.

la 24-an kaj la 25a de junio 2016 en Murree okazos la dua kunsido de estraro de PakEsA.

la 30-an de septembro 2016 en Lahore okazos la tria kunsido de estraro de PakEsA.

la 30an kaj la 31an de decembro 2016 en Multan okazos la 39-a Jara Kongreso kaj la kvara kunsido de estraro.

Altaf Rauf, Informa Sekretario de PakEsA, www.pakesa.org
'Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA)'
<pakistanaj-esperantistoj@googlegroups.com>

## Internacia Tago de la gepatraj lingvoj




Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA) aranĝis seminarion en la Internacia Tago de la gepatraj lingvoj la 21-an de februaro 2016 en Multan Tea House, Multan, en kiu pli ol 90 samideanoj partoprenis.

# Vjetnamio

## La 16a Printempa Renkontiĝo

La 20an de marto, Vjetnama Esperanto-Asocio okazigis la 16an Printempan Renkontiĝon ĉe la Sidejo de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj. Ĉeestis la eventon pli ol 30 esperantistoj en Hanojo.



Je la komenco de la programo, ĉiuj ĉeestantoj ĝuis belajn kantojn prezentitajn de esperantistoj de YUMEJHO-sekcio. Krome, novaj lernantoj de Esperanto-kurso de Lucien-Peraire-klubo ankaŭ sendis ĝojan kanton pri la neŭtrala lingvo, kio multe varmigis la etoson.

Kadre de la ĉefprogrameroj, s-ro Nguyen Van Loi paroladis pri farendaĵoj ene de la plano por la 60a datreveno de VEA. Unu el la plej gravaj estas eldono de Granda Vortaro Esperanta-Vjetnama. Krome, partoprenantoj aŭskultis resumon pri kontribuoj de s-ro Nguyen Van Kinh al vjetnama Esperanto-Movado. Li estas la fondinto kaj la unua prezidanto de VPEA (Vjetnama Pacdefenda Esperanto-Asocio), la antaŭa nomo de VEA. Koincide, ĉi tiu jaro estas lia 100a naskiĝdatreveno.

Okaze de ĉi-jara printempa renkontiĝo, vjetnamaj gejunuloj raportis pri sia lastatempa agado, inkluzive de KS 34 kaj Skajpa Renkontiĝo kun koreaj esperantistoj. Krome, VEJO ankaŭ invitas ĉiujn vjetnamajn esperantistojn partopreni en la 4a Somera Renkontiĝo (SOREN), kiu

okazos la 2an kaj la 3an de julio.

Estas nemankebla la alvoko aliĝi al legadkonkurso Sumoo, kiu ŝajne jam fariĝas intima loko por vjetnamaj lingvo- kaj libro-amantoj.

Hoan Tran <hoantran37@gmail.com>

# Ĉinio

# Tajvano

## La numero 18 de Formoza Folio eldoniĝis

Tiu ĉi estas la 18a numero de nia loka gazeto kaj en ĝi aperas diversaj verkoj, raportoj, tradukoj, poemo de Jorge Camacho ktp. Ĝi aperis en 64 paĝoj kun bona presado kaj luksa kovrilo.




Jen kelkaj eroj el ĝi:

1. Rakonto de Cerba Lago
2. Malsamaĵoj inter la nordo kaj sudo de Tajvano
3. Vojaĝo aviadile (instrukcioj kiel efike preni aviadilon)
4. Promeso (poemo el Jorge Camacho)
5. Kongresoj en Japanio (notoj de tajvana esperantistino invitita al Japanio)
6. Monda Ĵamboreo (Bee Yue: malajziano, kiu loĝas en Tajvano)
7. Mia unua UK (Chen Liru)
8. Mia partopreno en IJK (du junuloj el Tajvano partoprenis ĝin)
9. Raporto pri Tajvana Esperanto-Movado
10. Zamenhof-Festo de Tajvano 2015

La ĉef-redaktoro de la nova "Formoza Folio" estas Cyril Vergnaud, franca esperantisto, kaj helpis Benjamin Irwin (Kanada) kaj Reza Kheirkhah, irana esperantisto, ĉiuj loĝantaj en Tajvano.

Abonu le revuon "Formoza Folio" kontraŭ 3 eŭroj (inkluzive de sendo-kosto). Pagu al UEA-konto: cyry-h kaj informu al Cyril Vergnaud (hsia@mail.com)

Reza KHEIRKHAH<rezamenhof@yahoo.com>;

# Israelo

## Israelaj Esperantistoj kongresis en Jafo




La 17-a Israela Kongreso de Esperanto okazis en la historia kaj lastatempe vigle noviĝanta urbo Jafo, la suda parto de Tel-Avivo. La eksterlandaj gastoj povis ĝui dek-tagan Esperanto-progamon, kiu, aldone al la tri-taga kongreso, konsistis el la tri-taga antaŭ-kongresa ekskurso al Haifa, Akko, Nazareto kaj Lago de Tiberiado, kaj la kvin-taga postkongreso en Jerusalemo, la Morta Maro, Eilat kaj Petra (Jordanio).

La artan parton gvidis la konata Nederlanda Kajto, kiu entuziasmigis la partoprenantojn per novaj kaj malnovaj kantoj. Ankaŭ muzikis la sperta paro Enrika kaj Doron, kaj okazis monda premiero de naŭ Israelaj kantoj lastatempe arte tradukitaj de Amir Naor kaj kantitaj de Ŝoŝia, nun eldonataj kiel KD.

Okazis du duontagaj ekskursoj al la turismaj perloj de Jafo. Ilin kiel ankaŭ la Postkongreson ĉiĉeronis Amri, la sola ĉiĉerono en Israelo oficiale diplomita por ĉieceronado en Esperanto. Unuafoje la Israela Kongreso okazis en la regiono de Tel-Avivo, kie loĝas plimulto de

esperantistoj en Israelo. Eble pro tio ĝi estis unu el la plej grandaj, kun pli ol 50 partoprenantoj, el ili sep eksterlandanoj el ses landoj. Temas do pri duobla rekordo, de partoprenantoj kaj de eksterlandaj gastoj (ne kalkulante la Azian Kongreson en 2013, kiu samtempe estis la 14-a Israela Kongreso).

Ses eksterlandanoj ankaŭ partoprenis la postkongreson, kiu havis escepte riĉan programon kaj aventurojn, kiel vizito al la moskeoj sur la Templa Monto en Jerusalemo, flosado en la Morta Maro, subakvumo en la Ruĝa Maro, ĝipo-ekskurso en la ruĝaj dunoj kaj tranokto beduenstila en Uedo Ram en Jordanio, kaj vizito de la nabatea dezerta ĉefurbo Petra kaj ties mondfama palaco gravurita en ruĝa sabloroko.

Pliaj informoj pri la Kongreso, inkluzive de fotoj videblas en la kongresa retpaĝo, ĉe Esperanto-Ligo en Israelo:
eli@esperanto.org.il/ik.html Amri Wandel<amri@huji.ac.il>;

# Libroj

## HORI Jasuo (Japanio) eldonis du librojn

**1. Esperanto-esearo de mondvojaĝanto s-ro Hori (en la japana)**

La libro temas pri lia vojaĝo al la urboj damaĝitaj de la tertremo, cunamo kaj la nuklea akcidento en Fukuŝima en 2011 kaj pri liaj vojaĝoj al eksterlando en 2015.




**2. Postlasitaĵoj de la Japana Katastrofo (en Esperanto, 10 eŭroj)**

En la urboj damaĝitaj de la cunamo estis postlasitaj diversaj aĵoj. Kiam Hori vojaĝis al tiuj lokoj, li prenis, ricevis aŭ konservis tiujn aĵojn kiel karajn memoraĵojn de la familioj, kiuj uzis ilin. La libro montras tiujn aĵojn en koloraj paĝoj kune kun la fotoj de tiamaj pejzaĝoj.
HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

## Projektoj de KAEM

### Projekto A: Azia Kongreso

A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.
A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp, per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

### Projekto B: Kunlaboro

B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.
B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.
B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.
B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Japanoj, Israelanoj: | 20 eŭroj, | Koreoj: | 10 eŭroj, |
| Ĉinoj: | 5 eŭroj, | Aliaj azianoj: | 2 eŭroj |

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.
B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.
B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

### Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.
C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA.
Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.
C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.
C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

### Projekto Ĉ: Edukado

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj.

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj**
D-1: Eldoni necesajn librojn.
D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.
D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.
D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp al kluboj, asocioj.

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

2016. 7.16~23 / La 89a SAT-Kongreso (Herzberg am Harz, Germanio)
2016. 7.23~30 / La 101a Universala Esperanto-Kongreso (Nitra, Slovakio)
2017.7.22~29 (verŝajne) / La 102-a Universala Kongreso de Esperanto (Seulo / Koreio)

## Azio

5.27-30: La 9-a Esperanto-Kongreso de Nordorienta Ĉinio
5.28-29: La 60-a Kjuuŝuu-a Kongreso de Esperanto (Japanio/Dazaihu)
6.11-12: La 65-a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Japanio/Tokio)
6.18-19: La 64-a Kansaja Esperanto-Kongreso (Japanio/Sakai)
9.17-19: Aŭtunaj tagoj de Esperanto-Domo de Jacugatake (Japanio/Jamanaŝi)
10.1-3: 48-a Korea Kongreso de Esperanto (Koreio/Seulo)
10.8-10: La 103-a Japana Esperanto-Kongreso (Japanio/Ŝiga)
11.3-8: La 8-a Azia Esperanto-Kongreso (Ĉinio/ Quangzhou)
11.5-6: La 17-a Ĉuugoku/Ŝikoku-Esperanto-Kongreso (Japanio/Ehime)
11.26-27: Namkang-a Esperanto-Lernejo (Koreio/Chongdo)
12.30 – 2017.1.2: Transjara Kurskunveno de Esperanto (Japanio/Kameoka)

## KAEM-anoj

**Ĉinio:** Wang Ruixiang lamondo@163.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)

**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la bulteno "Esperanto en Azio"

**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA

**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko

**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)

**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)

**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)

**Pakistano:** s-ro Tariq Umar Chaudhry tariquch@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS

**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru
Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)

**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com
Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto), retejo de KAEM

**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com
Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj

**Indonezio:** s-ino Ilia Sumilfia Dewi ilia.dewi@gmail.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**
Puramo CHONG (Koreio)

Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno “Esperanto en Azio”
Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro@hotmail.com.co.jp

**Estrarano de UEA** Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net

**Redaktoro parolas:**

Longan tempon ni atendis ĝis finfine aperis la plano por la 8a Azia Kongreso. Mi estas tre ĝoja, ke dank’ al Ĉina Esperanto-Ligo la preparado de la kongreso antaŭeniras.

Eble multaj ne scias la historion de Azia Kongreso, do mi montros, kiam kaj kie okazis Aziaj Kongresoj:

La 1a Azia Kongreso: en 1996 en Ŝanhajo (Ĉinio)
La 2a Azia Kongreso: en 1999 en Hanojo (Vjetnamio)
La 3a Azia Kongreso: en 2002 en Seulo (Koreio)
La 4a Azia Kongreso: en 2005 en Kathmanduo (Nepalo)
La 5a Azia Kongreso: en 2008 en Bangaloro (Barato)
La 6a Azia Kongreso: en 2010 en Ulanbatoro (Mongolio)
La 7a Azia Kongreso: en 2013 en Jerusalemo (Israelo)

Niaj antaŭuloj dediĉis sin por la sukcesigo de Aziaj Kongresoj. Ankaŭ ni dediĉu nin por la sukcesigo de la 8a Azia Kongreso, tuj aliĝante al ĝi. Ni komencu preparadon por la vojaĝo al Ĉinio.

(HORI Jasuo)

……………………………………………………………………….

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAEM: <azio@yahoogroups.com>
TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3